


Karaj gelegantoj,

La centa Universala Kongreso, la plej grava ĉiujara evento en Esperantujo, ĵus okazis. En ĝi partoprenis ankaŭ afrikanoj, ne multnombraj, tamen valoraj kiuj postlasis favoran spuron kaj impreson. En ĉi tiu numero ne nur legeblas eĥoj de tiu kongreso, sed ankaŭ de vidpunktoj pri okazigo de la sesa afrika kongreso de Esperanto, de diversaj eventoj okazintaj en diversaj partoj de Afriko kaj finfine de la kontribuoj de afrikanoj ĉe Esperanto-instancoj.

## I- Ni reiru al pli baza principo de Esperanto

Kiam oni havas la ŝancon jen kaj jen sekvi aŭ ĉeesti debatojn inter esperantistoj, precipe ĉe diversaj diskutlistoj, oni havas la impreson ke Esperanton parolas ĉefe homoj, kiuj daŭre en kvelerema etoso provas montri ke ili pravas. Tutsimpla sekvo al tio estas daŭra serĉado de honoro kaj de povo. En aliaj cirkonstancoj, oni difinus tian sintenon kiel tiun de diktatoro. Tamen, multaj esperantistoj sin konsideras kiel porpacajn misiistojn, kies tasko estas disvastigi novaĵon pri interkompreniĝo. Estas feliĉe, ke neesperantistoj ne havas la eblon sekvi kaj kompreni la enhavon de la interŝanĝoj inter esperantistoj ĉe tiaj diskutlistoj. Se tio eblus, ili

verŝajne neniam lernus Esperanton.  Manko de reciproka respekto, de nekonsidero por starpunkto de nesamopinianto, ktp. estas eroj kiuj ne kreas entuziasmo-plenan etoson por komuniki unu kun la alia. Se ni ĉiuj lernas Esperanton pro iu sama kaj unika kialo, nia movado iĝos religia kun strikta dogma bazo.  Por io tia, multaj homoj ne vere bezonas lerni Esperanton. En nia movado, ni ja ne nur bezonas realismorientitajn homojn, sed ankaŭ entuziasmoplenajn homojn . Veki tiun perditan entuziasmon estas unu el la ĉefaj celoj de la ĵus nomumita direktorino de UEA. Espereble ŝi sukcesos revigligi tiun mankantan parton de nia movado, sen malhelpi tiujn kiuj sin konsideras kiel gravajn elitojn voĉumi.

De la ok lastaj jaroj ekas ŝanĝoj pri la Afrika Movado de UEA. Estas tute nature, ke ĉiu ŝanĝo timigas aŭ maltrankviligas kelkajn homojn, ĉar estas kompreneble ia avantaĝo kiun ili eble perdus pro tiu ŝanĝo.   Tiaj homoj tamen povas adopti du kondutojn: kontraŭbatali la ŝanĝon, aŭ provi kompreni ties celon por sin adapti al ĝi. Tia sinteno estas tute homa. Unu el tiuj ŝanĝoj estas starigo de komisiono konsistante el afrikanoj kiuj KOLEKTIVE decidas. Kompreneble, homo, kiu antaŭe kutimis decidi por la tuta Afriko ne tuj feliĉus pro tia ŝanĝo.  Sed, neniu povas malhelpi evoluon de iu movado.  La evoluo en si mem ne estas celo, sed la respektoplena komunikado inter la membroj de la komisiono. Kompreneble, ĉio ne estas perfekta kaj neniu membro de la komisiono povas sin permesi tion aserti. Estas klare ke la movado afrika ne devu dependi de la sinteno de iu sola homo.

Por fini, necesas memorigi, ke la movado afrika, eĉ kun perfekta afrika komisiono, ne fartos bone sen funkciantaj lokaj kluboj kaj landaj asocioj. Rolo de la komisiono ne devu esti plenumado de taskoj por landaj asocioj, sed konsilado de ties estraro. Membroj de la komisiono devu daŭre konscii pri tio. Afrika Komisiono de UEA ne devu esti plia buĝeto-raba strukturo

kiu malhelpos al vera disvolviĝo de lokaj kluboj. Konscioplenajn gvidantojn ni bezonas, nek estrojn, nek gravulojn, nek pintulojn.

**Jean Codjo** (Vic-kunordiganto de AK)

# II- Afriko dum la 100a UK

## A- Kunsido de AK: superrigardo

En la ĉambro Pauli okazis kunsido pri Afrika Komisiono la 28-an de julio, 2015 dum unu horo en kiu ĉirkaŭ 40 kongresanoj ĉeestis. Mark Fettes, prezidanto de UEA momente ĉeestis kaj Stefan MacGill, vicprezidanto klarigis AMo-Seminarion. Ĉefe mi prezidis la kunsidon anstataŭ la kunordiganto kiu pro neakiro de vizo ne povis veni. Unue, Viktor Lufimpu parolis pri sia landa movado kaj kunlaboro kun TAKE. Due, Mireille Grosjean klarigis la nunan afrikan movadon kaj ILEI-agadon. Trie, Latifou Gbadamassi el Benino parolis pri sia landa movado kaj Bernard Gnancadja, junulo, aldonis raporton pri la junulara movado. Kvare, Ferdinand Kinkani el Angolo, kiu loĝas en Francio, parolis pri sia landa movado. Kvine, S-ino Justine Ralaarisoa el Madagaskaro raportis pri sia landa movado. S-ro Jean Bosco Malanda el Kongo Demokrata ĉeestis kaj ankaŭ unu Niĝeriano (Prince Henry), sed dum mallonga tempo. Mi raportis, ke en la kongresejo mi kaj Bernard vendis la libron 'Afrikaj Proverboj' kaj kolektis 440 eŭrojn. Krome mi ricevis 500 eŭrojn de ĉina samideano anonime. Sume 940 eŭrojn mi donis al la kasistino de UEA Stanka en la kongresejo por la Afrika fondaĵo. 440 eŭroj estis donacitaj nome de Adjevi, kio aperos en revuo Esperanto. Plurfoje Mark kaj mi akcentis en pluraj kunsidoj, ke la sesa afrika kongreso okazos ne en la jaro 2015, sed en 2016 en Burundo.

**Jungkee Lee**

## B- Miaj tutunuaj internaciaj aranĝoj ekster Afriko



Unue gravas iom min prezenti por kompreni kaj bone sekvi la fadenon de mia teksto. Mi estas unu el la geknaboj kiuj frekventis lernejon Jules Verstraeten, fonditan kun la kontribuoj de esperantistoj, ĉefe el Germanio. En 1999, kunlabore kun Jean Codjo, mia vilaĝo Codji (Koĝi) havis sian tutunuan klasĉambron. Tiun lernejon, nome de adoptopatro de Jean Codjo, mi frekventis ĝis la sesa nivelo kaj poste mi daŭrigis en gimnazio de la regiono ĝis sukceso de mia abituro antaŭ du jaroj. Tiel mi estis la dua lerninto de tiu lernejo kiu sukcesis al abitura ekzameno. Mi suspektas, ke certe pro tio, sinjoro Jean Codjo decidis partoprenigi min al tri esperanto-aranĝoj en Eŭropo, unue al Ilei-konferenco en Oostende (Belgio), poste al UK en Francio kaj finfine al IJK en Wiesbaden (Germanio). Parenteze, indas aldoni, ke mi intertempe volontulis ĉe Afrika Oficejo de UEA dum du jaroj. Jean Codjo okupiĝis pri ĉio necesa en Benino: akiro de pasporto, de vizo kaj de flugbileto. Antaŭpreparo de tia vojaĝo por afrikano estas unu eta etapo de la tuta vojaĝo. Afrikano ne vojaĝas al Eŭropo aŭ ien ajn en la okcidenta mondo, kiel li aŭ ŝi volas. Mi devas konfesi ke je ia momento de la preparo, mi preskaŭ rezignis pro senfinaj komentoj de eŭropanino el Svislando kiu turisme loĝas en Benino. Ŝi klare diris al mi ke neniam oni donos vizon al juna afrikano. Finfine, kun helpo plia de Jean Codjo kiu konvinkis germanan paron disponigi ĉion necesan pro la vizo: invitletero oficiala kaj sanasekuro. La afero fakte tute ne estas komplika por akiri vizon, almenaŭ por mi. Kiel mi ĵus menciis, tiu antaŭpreparo estas ja grava, sed ne tiom kiel dum la vojaĝo en Eŭropo, kie oni ĉion planas kaj pagas por ĉio. Mi tute ne antaŭvidis

tion. Feliĉe estis Agnes Geelen kiu okupiĝis pri la belga etapo kaj ĝis UK-ejo en Francio, Sabine kaj Pit Hauge (gefratoj de Jean Codjo), sen forgesi la germanan movadon (Reinhard Pflueger, Martin, Christina, Alexander, Karl kaj Christel) kaj la Centra Oficejo por la restado en Lillo. Ĉiuj kontribuis al mia vojaĝo. Elkoran dankon al ili.

La partopreno al tiuj tri aranĝoj ebligis al mi konatiĝi kun homoj el ĉiuj anguloj de la terglobo. Ĝi ankaŭ helpis min kompreni la sintenon de diversaj esperantistoj: kelkaj estas entuziasmaj, dum aliaj sin kondutas kiel misiistoj kun belaj novaĵoj al la mondo. Mi renkontis aliajn, por kiuj Esperanto estas ŝatokupo aŭ hobio. Ĉiuj el ili estas tamen necesaj kaj interesaj. Mi min demandis al kiu el tiuj tri grupoj mi apartenas. Kvankam mi ne estas denaska esperantisto, Esperanto estas parto de mia vivo ekde la ekzisto de la lernejo Jules Verstraeten en mia vilaĝo, ĉar mi eklernis Esperanton en tiu lernejo. Mi tiam sciis, ke mi ricevos donacojn kiam sinjoro Jean Codjo vizitas la lernejon dum la somero. Do, certe ricevo de tiaj etaj donacoj eble ludis gravan rolon, sed mi ankoraŭ ne scias ĉu mi lernus Esperanton, se tiu lernejo ne ekzistus en mia vilaĝo. Pri la rolo de la lernejo en la enradikigo de Esperanto mi prelegis dum Ilei-konferenco, dum IJK kaj en Munkena klubo (Germanio). Nun, kiel kreskulo, mi opinias ke necesas ne nur entuziasmaj esperantistoj, sed ankaŭ homoj kiuj multon dediĉas por la movado laŭ ilia maniero.

Koncerne al mi, mi revigligos la junularan sekcion en mia lando kaj certe en alia lando de Afriko. Nun, mi estas komitatano ĉe TEJO por mia lando. Mi intencas multon fari, por ke la movado enhavu pli entuziasmajn beninajn esperantistojn. Multon mi lernis dum la IJK en Wiesbaden kaj intencas uzi tion por la movado en Benino.

**Bernard Gnancadja**

## C- **Kunsido de Afrika Komisiono dum UK**

Kvankam en la iom labirinteca kongresejo ne ĉiam facilis trovi kunvenejojn, en mardo la 28a de julio en la salono Pauli rapide ĉiuj seĝoj estis okupitaj. La kunsidon prezidis duopo; estrarano de UEA Lee Jungkee kaj membro de la Afrika komisiono Victor Lufimpu.



La afrikanoj en la salono venis el Angolo, Benino, Kongo kaj Niĝerio. Post enkondukaj vortoj de s-ro Jungkee ni aŭdis: Viktor Lufimpu Kongo/Francio. Li, i.a. esprimis bedaŭron ke el la afrikaj aliĝintoj apenaŭ triono sukcesis atingi la kongresurbon. Pli poste dum la kunsido kelkaj ĉeestantoj raportos pri spertoj je vizo-akiro. Konkludo, ne-nova cetere, sukceson/malsukceson apenaŭ eblas influi. Registaroj, ambasadejoj decidas laŭ kriterioj, ofte nebulaj. Ferdinand Kinkani- Angolo/Francio klarigis pri projekto TAKE. Latifou Gbadamassi prezentis la beninan landan asocion. Bernard Gnancadja parolis pri la benina junulara sekcio. Tiu ĉi dum la IJK en Wiesbaden estos agnoskita landa sekcio de TEJO. Pri agado en Malagasujo parolis Justine Ralalarisoa. Informojn pri Kongo donis Jean Bosco Malanda. Pliaj kontribuoj venis de diversaj ne-afrikanoj, iel engaĝitaj en agado por Esperanto en Afriko. Mireille Grosjean, prezidanto de ILEI raportis pri sukcesaj seminarioj en Benino. Stefan MacGilll, vic-prezidanto de UEA informis pri AMO-seminarioj en Kongo. Reprezentanto de Sunkompanio el Francio raportis pri la projekto Esperanto Plus, kunlaboro kun esperantistoj el Malagasio, Senegalo, Tanzanio kaj Togolando. Miguel Fario de Bastos informis kiel li helpas venki problemojn de la movado en Angolo. Marc Fettes, ankaŭ dezirante sukceson je la preparlaboroj por la 6a AKE en 2016, salutis la kunvenon. Estis disdonitaj la freŝe presitaj faldfolioj pri tiu aranĝo en Burundio. Jam preskaŭ elĉerpiĝas la tempo je nia dispono. Alvokas la

redaktoro de Revuo Esperanto ke kontribuaĵoj por la revuo venu ankaŭ el afrikaj plumoj/komputiloj. Bernard dankas la subtenantojn de la benina publika lernejo Jules Verstraeten. Li mem, eksa volontulo de la Afrika Oficejo, en tiu lernejo ricevis bazan instuadon. Heidi Goes alportas grandan kvanton de libroj kiujn ŝi senpage disponigas al la interesitoj. Fine, mi informas, ke eblas senpage aboni, ĉu papere, ĉu rete, la revuon Esperanto en Afriko.

**Agnes Geelen**

## D- Benino dum ĉi-jaraj internaciaj renkontiĝoj en Eŭropo



La ĉi-jare ILEI konferenco okazinta en Oostende (Belgio) havas specialan etoson el la vidpunkto de partopreno de beninaj esperantistoj en internaciaj esperantaj aranĝoj. Nia lando estas reprezentita de du personoj nome Latifou Gbadamassi, prezidanto de la landa asocio, kaj Bernard Gnacadja, prezidanto de la junulara sekcio (BOJE). Ne temas pri nur fizika reprezentado sed ankaŭ aktiva kontribuo al la konferenca programo celante malkovrigi Beninon el la movada kaj kultura vidpunktoj.

Jam vendredon, la 17-an de julio 2015, okazis Interkona Frandvespero, la plej ŝatata kaj fama kutimo ĉe ILEI. Temas pri grava momento en kiu ĉiu partoprenanto prezentas al la ĉeestantoj manĝaĵo(j)n el sia lando. Ĉiu lando havas tablon sur kiu estas elmontritaj la kunportita(j) manĝaĵo(j) kaj laŭvice, mallonge, klarigas kiel ili mangeblas. Ĉe la benina tablo, troviĝis ‘’Gari’’, faruno el manioko

kaj ‘’kluiklui’’, fritkuko el arakido. Post mallonga prezento de ĉiuj landaj reprezentantoj, ekis la gustumado. Tiam multaj konferencanoj rondiris, laŭplaĉe, la tablojn aŭ iris de unu tablo al la alia, kvazaŭ en bazaro, por gustumi la prezentitajn manĝaĵojn. La benina tablo altiris atenton apartan. Tien venadis homoj por, foje kaj refoje, dismiksi (‘’Gari’’ + ‘’kluiklui’’ + akvo kun eble sukerpeco) ĉar tre bongusta iliadire. Eĉ venadis tuta familio. Notindas, ke ‘’Gari’’ estas tre grava nutraĵo uzata por kuiri ĉefajn manĝaĵojn en multaj subsaharaj afrikaj landoj. Mi kaj Bernard liveris ‘’Gari’’ + ‘’kluiklui’’, se petite, sed ankaŭ, ioman tempon, uzis la eblon por gustumi ĉe aliaj tabloj. Sabate, la 18-an de julio 2015, matene, estis la solena malfermo ĉe la urbodomo kun koktelo proponita de la urbestro. Ĉe la malfermo, po unu reprezentanto salutis la konferencanaron. Tion faris Bernard nome de la benina esperantistaro. Grava ankaŭ estis la instruista trejnseminario al kiu ambaŭ aliĝis. Ni jam, tiukadre, ĉeestis la unuajn prelegojn, pri interesaj temoj, gviditajn de talentuloj dimanĉe la 19-an de julio 2015. Lundon, la 20-an de Julio posttagmeze, ni respektive, sed aparte, prelegis pri Projekto ’’Lerni Esperanton per afrikaj lingvoj kaj afrikajn lingvojn per Esperanto’’ kaj ‘’La lernejo Jules Verstraeten en la vilaĝo Codji’’. Menciindas la lingva festivalo en kiu mi prezentis ‘’joruba-n’’, mian gepatran lingvon marde, la 21-an de julio 2015 matene. La ĉeestintoj povis malkovri tiun dialekton, praktiki ties alfabeton kaj kelkajn salutvortojn. Ĵaŭdon, la 22-an de julio, malfermiĝis la simpozio per prelego de Kristin TYTGAT kiu enkonduke parolis pri ‘’La rolo de lingvo en konfliktoj’’. Sekvis la ĉefprelego, en la franca lingvo kun traduko en Esperanton, de D-ro Réginald MOREELS pri ’’Ĉu milito povas esti justa?’’ La prezendadoj de Prof. Dr. Duncan CHARTERS (Usono), Heidi GOES (Belgio), Ariadna GARCIA GUTIERREZ (Kubo), Mag. USUI Hiroyuki (Japanio/Ĉinio) kiuj respektive temis pri ‘’lingvoj, politiko kaj religio en historie komplekska konflikto en Eritreo’’, ‘’Kvanteca kaj spaca analizaj studoj de mikro-variado en la konga lingvaro’’, ‘’Lingva diverseco en Ameriko: alproksimiĝo al la lingvaj politikoj’’ montris, ke la ĵaŭda programo de la simpozio estis bunta kaj scie riĉoplena. Paralele, okazis ekstersimpoziaj prelegoj fare de Elisabet Le Dru kaj Mirejo Grosjean kadre de instruista trejseminario. Fakte, temis pri instruado per ludoj kaj rolludoj. Tiu trejnseminario finiĝis vendrede matene per praktikado de sociaj ludoj sub gvido de Elisabet Le

Dru. La seminarianoj estis dividitaj en pluraj grupoj kiuj laŭvice rondiris instalitajn tablojn por ludi per surtabligitaj ludiloj laŭ specifaj regulojn. Temis, interalie, pri domenludo, helikludo, tabuo-ludo kiuj, tre amuze, ebligis ekzerci pri diversaj gramatikaĵoj nome akuzativo, refleksivo, transitiveco, numeraloj kaj kalkulo, vortkonstruado.

La vendreda posttagmezo estis rezervita al la plenkunsido en kiu la prezidanto de ILEI raportis pri la tuta konferenca semajno kaj poste sekvis aprobo de la konferencaj rezolucioj per brila aplaŭdo. ILEI uzis la eblon por honori tiujn, kiuj ĉeestis la instruistan trejnseminarion per enmanigo de atestiloj. La konferenco havis 168 aliĝojn kaj la partoprenintoj venis el ĉiuj kontinentoj, el 34 landoj. Statistikoj pri Afriko estas 04 ĉeestantoj: 02 (Benino); 01 (Demokrata Kongo) kaj unu el la plej granda afrika insulo, nome Madagaskaro.

Sabaton, la 25-an de julio 2015, per komuna busa vojaĝo, la konferencanoj atingis Lillon por ĝui la jubilean universalan kongreson. Tie, la tutvespera sabata movada foiro ja spegulis la universalecon de la aranĝo. Grava estis, ke ĉe la afrika budo, troviĝis S-ro Lee Jungkee, estrarano de UEA pri Afriko, kiun ĉirkaŭis afrikaj esperantistoj, por kolekti monon por afrika fondaĵo. Ne mankis la fulma apero de Agnes Geelen, multjara vojaĝinto al Afriko kies subteno al la movado en Benino neforgeseblas, kiu kunhelpis kaj konsilis. La sekvan tagon, malfermiĝis solene la Kongreso kun paroladoj fare de invititoj kaj estraranoj de UEA kaj ties instancoj note ILEI, TEJO, Akademio de Esperanto, ktp. Multis kaj diversis la programeroj; tial, nur kelkajn ĉefajn ni povis konsideri, interalie komitatkunsidojn de UEA, afrikan komisionon, la oficialan ceremonion ĉe la ‘’Gare de Boulogne’’ kie stariĝis monumento homaĝe al Zamenhof, ktp. Tamen aliaj programoj kiel tago de lernado, kongresa temo ankaŭ kaptis nian atenton. Entute, 2695 personoj partoprenis en la 100-a Universala Kongreso el kiuj efektive estis 7 afrikanoj ĉar aldoniĝis plia esperantisto el Niĝerio.

La lasta, sed plej grava, evento kiu akceptis nin estis la 71-a Internacia Junulara Kongreso (IJK) okazinta de la 2-a ĝis la 9-a de Aŭgusto en Wiesbaden (Germanio) kien ni atingis dimanĉe vespere karavane per komuna trajnvojaĝo el Lillo. Marde, la 4-an de Aŭgusto, la komitato de TEJO, en sia 2-a sesio, pridiskutis la kandidatiĝon de BOJE iĝi landa sekcio de TEJO. Enkonduke, Michael Boris MANDIROLA, estraro pri landa agado, prezentis nin- Latifou

GBADAMASSI - kaj Bernard GNANCADJA al la ĉeestantaro (estraro, komitatanoj kaj observantoj) kaj resume atentigis pri antaŭaj atingoj kadre de tiu aliĝo, ĉefe pri statutŝanĝoj. Poste, li lasis al ni la parolvicon por ke ni prezentu la historion de nia junulara sekcio. Tion mi faris kaj kaptis la okazon por enŝovi pasintajn gravajn aktivecojn fare de BOJE. Sekvis gravaj demandoj fare de kelkaj komitatanoj kiuj ricevis kontentigajn respondojn. Venis poste la komitata voĉdono. El tio rezultis, ke BOJE estas akceptita kiel nova landa sekcio de TEJO. Aŭtomate, Bernard GNANCADJA, iĝis komitatano, ekoficis voĉdonante por la renovigo de la estraro de TEJO per kiu finiĝis la sesio. Mi notis, ke nia fizika ĉeesto multe influis kaj kontribuis al tiu historia sukceso. Notindas, ke kadre de IJK okazis AMO-seminarioj. En la trejnado, oni parolis pri rolo de fotoj al disvolviĝo de la movado. Oni montris kiel fari fotojn el enhava kaj teknika vidpunktoj. Ni diskutis ankaŭ pri filmoj, merkatiko kaj pri kiel taŭge kunhavigi la fotojn. Gvidis la seminariojn Anna Maria Koniecpolska, Lachowska Sasha Murr, Veronika POOR kaj ceteraj. En la kongreso, kiu havas ĉirkaŭ 300 partoprenantojn el pli ol 50 landoj, el Afriko aperis fizike nur la du beninanoj reprezentantoj.
Por resumi, la tri internaciaj aranĝoj okazis en bonaj kondiĉoj, ni pasigis agrablajn momentojn kun geesperantistoj el aliaj mondpartoj - malnovaj amikoj, novaj amikoj, konataj vizaĝoj, ne-konataj vizaĝoj - kaj akiris konojn diversteme. Krom, ke ni bedaŭras pri la fakto, ke en la jam pretigita 48 ILEI Konferenca libro, malestis mencio pri nia kontribuo al la programo kaj tie ne aperis mallonga resumo de niaj prelegoj.

**Latifou GBADAMASSI**

## III- Afrikanoj ĉe gravaj instancoj

### A- Bernard, komitatano de Benino ĉe TEJO



Bernard estas iama lernanto de la lernejo Jules Verstraeten, konstruigita per financa kontribuo de esperantistoj, ĉefe el Germanio. Tie li eklernis Esperanton. Post ses jaroj li daŭrigis ĉe la duagrada lernejo de la regiono. Li dum du jaroj volontulis ĉe Afrika Oficejo de UEA. Bernard nun studas ĉe la nacia universitato de Benino.

### B- Emile, sekretario de ILEI



Emile Malanda Nianga eklernis Esperanton en 1987. Li estas eksprezidanto de DKEA – Demokratia Kongolanda Esperanto-Asocio (2003-2006), individua membro de UEA (ekde 1997), membro de Afrika Komisiono de UEA (ekde 2001), Komitatano de EASA - landa ascio en Sud-Afriko (2011), fondinto kaj Sekciestro de la sudafrika ILEI-Sekcio (2013), fondinto en 2014 de la NRO “Interkultura Centro de Vivantaj Lingvoj“, sekretario de ILEI (2015). Emile ankaŭ laboris kiel konsultanto, esploristo pri sociaj sciencoj, lekciisto en altlernejo en DR Kongo kaj nun specialistiĝas pri eduka psikologio en Sud-Afriko, kie li ekloĝis en 2009.

## III – Batalo pro nomo de kongreso : vidpunktoj de eksterafrikanoj

## * Postulo de honesta sinteno

Mi ĝojas pro la iniciatoj organizi kongresojn en Togolando kaj en Burundio, sed mi ne komprenas, kial niaj togolandaj amikoj riskas sennecese ĉiuokaze senutilan kolizion kun UEA nur pro la nomo. Kial ne doni alian, eĉ similan nomon al la kongreso en Togolando, ĉar ĉiu scias, ke tiu nomo - 6-a Afrika Kongreso de Esperanto (AKE) – estas jam okupata.
Oni devas honeste agnoski la jam antaŭe deciditajn nomojn - vidu la respondon de samideano Fettes -; insisti pri la sama nomo signifas uzurpadon. Mi do proponas ke vi nomu la kongreson en Togolando "Esperanto-kongreso en Afriko" (aŭ, se vi volas, "de Afriko", aŭ iel ajn alie, sed ne insistu pri tiu kolizia nomo. Krome mi taksas la rifuzon de helpo, eĉ de la plej eta helpo, ne produktiva. Cetere, ĉu vere via kongreso bezonas aŭspicion de eŭropa organizaĵo? Aŭ ĉu eble la venonta kongreso de la Civito (aŭ ĝia ekvivalenta evento) okazos sub la aŭspicio de la togolandanoj? Mi certas esprimi ankaŭ la opinion de multaj MAS-anoj, dezirante al la afrika movado - do al ambaŭ kongresoj - suverenecon kaj kiom eble plej grandan sukceson.
**Vilhelmo Lutermano.**

## * Protesto de Johan Derks

Kiel membro de tiu ĉi retdiskutlisto mi protestas kontraŭ la falsadoj kaj ekscitiĝo, kiun Gbeglo Koffi el Togolando kreas, pretendante, ke li, lia sesa Afrika Kongreso, lia instituto Zamenhof kaj la lernejo estas diskriminaciataj de estraranoj de UEA kaj homoj kiuj profesie, tamen ne sen eraroj, kunlaboras por prepari la sesan Afrikan Kongreson en Rumonge, Burundo.

Mi atestas pri la konduto de Gbeglo Koffi ekde proksimume 2004, mi kun aprobo de Hans Bakker klopodis krei pacon inter li kaj la homoj, kiuj baris al Koffi fari karieron ene de UEA. Tio malsukcesis. Ekde tiam la ĉefulo kaj adeptoj de la tiel nomata Esperanto Civito kirlis en la kontrauaĵoj, kiuj estiĝis inter Gbeglo Koffi, liaj adeptoj kaj aliaj afrikanoj el orienta Afriko. Esperanto Civito kreis artefaritan ideologian kontraŭecon, ŝajnigante ke nur ĝi poras sendependan E-movadon en Afriko.

Koffi eldonis multajn tekstojn, interalie la "nigran libron" La verda Bluzo, destinitan al publika denuncado de la politiko de UEA organizi kaj stimuli propagandon en Afriko, kunordige kun tio, kion UEA faras en aliaj mondopartoj.

Kompreneble la priskriboj, kiujn Koffi donas, ne estas tute "suĉitaj el la dika fingro" kaj certe ĉiu ĝojas kun li pri la bonaj rezultoj de lia lernejo. Sed la problemo kun li estas, ke okazas pli en Afriko ol lia movado en Togolando kaj ke la vortumoj, kiujn Gbeglo Koffi uzas, estas ofte malice sugestiaj kaj ofendaj.

Tiel homoj kiel Sabine kaj Carlo eble pensas: "Kie estas fumo, tie estas fajro!" Koffi faras el si mem martiron. Kaj martiro por kio? Li kandidatigis sin esti ĝenerala direktoro de la Centra Oficejo, kvankam ĉiu kiu nur unufoje legas liajn atakojn, komprenas, ke temas pri forte frustriĝinta homo. Ŝajne li opinias, ke se oni nur sufiĉe ofte ripetas akuzojn, la homoj komencos kredi lin. Tio, bedaurinde, estas vero. Estas tempo, ke Koffi konfesas al si, ke li esence serĉas propran rehonoron kaj ke liaj tekstoj malhelpas fruktedonan kunordigon de la E-movado en Afriko.

**Johan Derks**

# IV- Movade tra Afriko

## A- Benino: lerni Esperanton per lokaj lingvoj

La projekto ‘’Lerni Esperanton per afrikaj lingvoj kaj afrikajn lingvojn per Esperanto’’ pludaŭras. Fakte, lernjaron 2014-2015, lernejanoj en ŝtataj mezlernejoj Ayahohoué kaj Azovè en la departemento Couffo (Kufo) sekvis kursojn tiukampe, kompreneble, sub gvidado mia. Ĉar en tiu benina regiono, Kufo, la loka lingvo estas ‘’Aĝagbé’’ (la Aĝagbea), multfaceta scio,

kun traduko en Esperanto, estis transdonita al la kursanoj en sia gepatra lingvo. La kursoj konsistis el multaj paŝoj; ĉe ĉiu paŝo iu specifa temo estis pridiskutata. La diversaj temoj pritraktitaj estis: alfabeto, bestoj, pronomoj, koloroj, numeraloj, la tagoj de la semajno, la monatoj de la jaro kaj la homanj korpopartoj. La kurso daŭris po du horoj (02h) semajne post normalaj kurshoroj kompreneble. La enhavo de la temoj estis skribita en la Aĝagbea kun traduko en Esperanto. Bildinstruiloj pretigitaj tiucele estis fotokopiitaj kaj disdonitaj al la lernantoj. Dumkurse, mi staris antaŭ la kursanaro, multfoje laŭtlegis la enhavon laŭteme kaj la tuta grupo ripetis. Poste, la grupanoj mem devis, laŭtvoĉe legi la aferon laŭvice. Ekzemplodone, pri la instruado de alfabeto, staras ĉe la unua loko la litero de la aĝagbea lingvo sekvita de ekzemplovorto samlingve. Apude, videblas esperanta traduko de tiu ekzemplovorto kiun antaŭis konvena esperantlingva litero. Unue, nur la aĝagbean alfabetliteron kun la vortekzemplo mi prononcis unu post la alia ĝis la fino kaj la lernantoj ripetis samtempe. Poste aldoniĝis la esperanta flanko tiele. Tiam kiam litero kaj/aŭ vorto estas misprononcita(j), mi haltigas la leganton, korektas kaj igas lin ripeti antaŭ ol li daŭrigu la legadon. Ne mankis hejmtaskoj. La temoj pri bestoj kaj korpopartoj estis verkitaj nur en la Aĝagbea. Post la lecionoj, la vizitadintoj devis serĉi en vortaron, kiel tasko, la esperantan version. Ekzamenoj ne estis prisilentitaj.

La ĉeestintojn mi ekzamenigis dufoje. Diktaĵo, bazita sur alfabeto, konsistigis la unuan ekzamenon. Sur foliojn komputile pretigitajn, la aŭdintoj, alfabetliterorde, skribis nur la aĝabeajn ekzemplovortojn kun ties esperanta traduko kiujn mi laŭtvoĉe legis en du apartaj kolumnoj samtempe. La dua aperas kiel resumo de la tuta lernado en la lernjaro kaj temis pri diverstemaj tradukekzercoj kaj bildoj de bestoj kaj objektoj kies

nomo trovendis. Mi korektis la ekzamenojn kaj promesis, ke la tri unuaj plej bonaj kursanoj estos premiitaj komence de la onta lernjaro 2015-2016. Jen iliaj nomoj:

1- TOSSOU Abdel-Aziz: 16,75 poentoj
2- SOGBEDJI Hyacinthe: 15,75 poentoj
3- TCHIDI Charles: 15 poentoj

Kiel premiaĵojn, mi planas aĉeti lernejajn ilarojn kaj vestaĵojn por ilin subteni iomete. Eventalaj monrimedoj bonvenas ĉe la sekvanta uea-konto kun la indiko ''Helpo al lernejanoj'' : gbla-e

**Latifou Gbadamassi**

## B- DKEA celebris internacian junularan tagon



Merkredon, la 12an de aŭgusto 2015, la esperantista junularo de la demokratia kongolanda respubliko celebris la internacian tagon de la junularo. La ceremonio estis etosoplena, vigla kun ia nepriskribla bunteco. La salono Yenge estis rezervita por akcepti la eventon en tute agrabla etoso plena je muziko ludita de la grupo nome Anĝeloj. Tiu grupo konsistas el studentoj de la pedagogia universitato. Alia grupo prezentis teatraĵon interesan pri Kimpa Vita, 22-jaraĝa junulino, kiu iĝis fama dum la 17a jarcento pro ŝia agado rilate al monoteismo en Kongolando, kaj ĉefe pro kuracado per spiritismo.
**JP LUNGIKISA**

## C- **Burundo: invito al AKE-6**

Cento da afrikanoj arde deziras partopreni en la 6-a Afrika Kongreso de Esperanto (AKE-6), kiu okazos en Rumonge, sude en Burundo, de la 13-a ĝis la 20-a de aŭgusto 2016, kunlige kun la tria afrika AMO-seminario de UEA. Ili ĉiuj estas progresemaj esperantistoj kaj reprezentontoj el afrikaj landaj asocioj kaj kluboj. AKE-6 estas okazaĵo por la partoprenontoj studi la problemojn de la movado en Afriko, labori, lerni, malkovri kaj fortigi la amikajn rilatojn inter ili.

La aliĝkotizo de la kongreso estas de 2 ĝis 10 eŭroj por afrikanoj. Malgraŭ relative modestaj kotizoj, multas samideanoj en la kontinento, kiuj ne sukcesos pagi siajn vojaĝkostojn al la kongreso. Kial ni ne helpu al tiuj geamikoj aŭ al la kongreso mem? Sufiĉas sendi donacon de 20 eŭroj aŭ pli al la konto Afriko ĉe UEA kun indiko "AKE-2016". Por pli da informoj oni bonvolu skribi al: ake-2016@yahoogroupes.fr.

Danke al viaj donacoj, inter la meritplenaj afrikanoj sufiĉe multe da esperantistoj estos invitotaj prioritate el la najbaraj landoj, kie la movado estas relative forta. Vi povos ankaŭ rekte pagi por la invitoto la vojaĝbiletojn kaj sendi al li aŭ ŝi, se vi dezirus. Ĉiuokaze, vi rajtos peti de la organizantoj de la 6-a AKE informojn pri tiuj subvenciotoj kaj raportojn pri la kongreso. Ni certas, ke via bonvola aliĝo al tiu ĉi kampanjo brile kontribuos verdigi Afrikon.

La partoprenontoj de AKE-6 estas vervaj kaj aktivemaj. Bonvolu senhezite helpi al tiuj afrikaj semoj floriĝi en la Esperanto-komunumo. La movado jam staras sur bonaj reloj en la kontinento. Moralan aliĝon al la 6-a AKE ankaŭ ni tre bonvenigos, same kiel materialojn por premii diversajn dumkongresajn ludojn kaj kvizojn.

Firme kredante, ke la sukceso de la 6-a AKE fariĝos fundamento de iam okazonta UK en Afriko, ni anticipe kaj kore dankas vian enviciĝon.

Adjévi Adjé, kunordiganto de Afrika Komisiono de UEA.

Lee Jungkee, estrarano de UEA pri Afriko

## D- Sukcesplena kongreso en Madagaskaro



De la 19a ĝis la 22a de junio okazis nacia kongreso en Madagaskaro post kvinjara neaktivado de ties landa asocio (UME). Al ĝi partoprenis 22 homoj el diversaj partoj de la lando. Kongreso ĉiam estas bela okazo por ne nur konatiĝi kun aliaj esperantistoj de la sama lando, sed ankaŭ akiri novajn konojn pri esperanto. Henriel, tre aktiva esperantisto, gvidis ne nur kurson, sed li ankaŭ instigis pripensadon al gvidado de kluboj. Io tia necesas, por ke simila krizo ne plu lamigu la movadon en tiu lando.

**AO**

## V- Konkursoj

### A- Organizita de Afrika Oficejo de UEA

Estas klare ke interesigi homojn lerni Esperanton ne estas malfacila tasko en Afriko. La malfacila tasko estas kiel interesigi novbakitajn esperantistojn agadi, movadumi por kaj per Esperanto. Post interkonsiliĝo kaj cerbumado kunlabore kun Afrika Komisiono de UEA, AO iniciatis lanĉon de konkurso kies celo estas premii klubon aŭ asocion kiu, ne nur proponas pli taŭgajn strategiojn por pli efike funkcianta loka movado, sed disponigas ankaŭ detalojn pri kiel realisme realigi la strategiojn. La plej konvinkoplenaj strategioj ricevas premion de 200 eŭroj. Tiu sumo ne estas subvencio, sed kontribuaĵo al vigligado de la loka movado.

## Kondiĉoj

1- Al la konkurso nur partoprenas kluboj aŭ landaj asocioj (LA), ne individuo. En lando kie estas LA, estus pli bone ke nur ties LA partoprenu al la konkurso, sed escepto povus okazi. La elekto-komisiono prijuĝos tion.

2- Respondoj al la konkurso pere de plenigado de formularo atingu AO-n antaŭ la 30a de oktobro 2015. La premio por la gajnonto disponiĝos en januaro 2016.

3- Ligo al la formularo komplete plenigota troviĝas ĉe retpaĝaro de AK: www.esperanto-afriko-org). Tie bonvolu alklaki «KONKURSOJ»

## B- Programo "Ni semas" organizita de la estraro de UEA

## Celo

La programo celas entiri agantojn kun bonaj projektetoj en la sferon de UEA. Ĝi proponas kvar premiojn jare, po €100 por la plej inda proponita etskala projekto. La programo sekve havas malcentrismajn trajtojn, kaj invitas kunlaboron ankaŭ de homoj, kiuj kutimas agi ekster la kadroj de la Asocio.

## Bazo

La programo estas starigata de la Estraro de UEA, surbaze de akceptita regularo trovebla ĉi-kune. Ĝi estas estrara regularo, sekve ni prezentas ĝin al la Komitato informcele. Aldone trovu malneton de la petilo por kandidatigi sin por ricevi subvencion.

## Fonto

La fonto de la ideo estas simila projekto en TEJO: Fonduso Trampolino, kiu funkcias ekde marto 2014 kaj prijuĝis proponojn ĉiumonate; tamen iom

post iom malmultiĝis la proponoj. Por eviti tiun sorton, kaj por malpliigi la administran laboron, UEA proponos kvar premiojn jare. Antaŭ ol akcepti la regularon, la Estraro diskutigis la proponon kun TEJO, kun la konsilianoj kaj la komisiono de UEA pri regularoj. La rilataj dokumentoj pri la projekto de TEJO estas troveblaj en ĝia retejo.

## Kriterioj

Ni aparte subtenos projektojn el pli malkutimaj landoj, kie tiu sumeto ja kovras pli multan agadon. Emfazendas, ke ajnlandaj kaj ajnaĝaj instancoj aŭ homoj rajtas starigi petojn, do ankaŭ TEJO-anoj.

## Buĝetpropono 2016

Proponata sub la rubriko 'Movada Evoluigo' estas sumo de € 400; okaze de deziro disdoni pli ol kvar subvenciojn, aŭ okaze de kovrendaj administraj kostoj, alia rimedoj estos trovendaj.

## Insisto pri membreco

TEJO ne specife devigas tion kaj la akceptita regularo ne postulas tion ĉe UEA, sed ni ja demandos pri tio kaj ĝi ludu rolon en la decidado.

## Konsilia laborgrupo

La rekomenda organo por prijuĝi la petojn estas starigota laborgrupo, kiu konsistos el konsilianoj (inter kiuj ja estas TEJO-anoj). Tiu laborgrupo rajtas peti konsilojn de konvenaj homoj por unuopaj kazoj. Preferindus ke ĝi faru rekomendon pri nur unu projekto, sed ĝi rajtas proponi pli ol unu, kun aŭ sen decid-rekomendo. La laborgrupo plie tenas arĥivon de la projekto kaj ricevas kaj prijuĝas la ricevitajn raportojn pri projekt-plenumo. La estraro faras la finan decidon. Ĉiufoje estos disdonitaj €100. Nesukcesintoj ja povos reveni post tri monatoj, esperante je malpli da konkurenco. Okaze de temposentivaj indaj projektoj, la komisiono rajtas proponi aljuĝon de du subvencioj — sed nur kvar entute tra la jaro.

## Anoncado

Oni decidas ene de difinita tempo, sed ne nepre anoncas tuj la rezulton. Ekzemple la decido de la 30a de junio estus anoncebla kadre de UK.

## Tempo-skemo por la lanĉo de la programo

**Julio 2015:** Anonci la programon ĝenerale. En Lillo aŭ tuj poste: nomumo de la laborgrupo.

**Oktobro 2015:** Lanĉo de la programo kaj invito pretigi kaj proponi projektojn.

**Decembro 2015:** Decido pri la ricevitaj proponoj ekde la 31a de decembro

**Januaro 2016:** Elpago de la unua subvencio (se aljuĝita)

---

Komentojn, konsilojn, sugestojn kaj raportojn pri okazintaĵoj en via urbo aŭ lando bv. sendi al la redakteja adreso: afrika.oficejo@gmail.com, aŭ aerpoŝte al: afrika oficejo, B.P. 416, Lokossa-mono, Benino tel: +229 224 10 229

---